# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 16/2/2017 Tricentnaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **732,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

**La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**



★★★http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine_★★★

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## POSTSKRIBO AL N.RO 292. Nova malnova artikoleto



Aldone al mia artikolo en kiu mi asertis ke ni, aŭstralianoj, estas vandaloj ĉar ni permesas la malkonstruadon de tre multaj utilaj domoj, mi mencias, ke ĵus publikigatis en Melburno libro pri la multaj historie kaj arĥitekture valoraj domoj kaj aliaj konstruaĵoj en Melburno kiujn oni malkonstruis dum la lastaj cent jaroj. Enestas centoj da fotoj de tiaj konstruaĵoj, tre multaj kun elstara kaj belega arĥitekturo.

Aldone al alia artikolo mia pri la multaj nekutimaj arboj en mia ĝardeno, mi povas mencii ke nun floras preskaŭ ĉiuj dek-kvin specoj de kalistemonoj, bottlebrush, Callistemon, aŭstraliaj malgrandaj arboj kaj arbetoj. La diversaj koloroj de iliaj floroj estas ĉiaj nuancoj de ruĝo, ĝis blankaj kaj pure verdaj kaj ankaŭ nigraj, kiuj lastaj vere estas ege malhele ruĝaj. Mankas nur flavaj kalistemonoj, de unu botanika speco, kaj brunaj kaj bluaj kalistemonoj, kiuj ja ne ekzistas.

*Marcel Leereveld. 3an de Januaro 2017*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo

La Manlia klubo kunvenos la 18an de Februaro. Ĉiuj bonvenaj

Sabaton 11an de Februaro du membroj de la Manlia Esperanto-klubo ĉeestis La Manlian Lingvan Festivalon ĉe la Manlia Biblioteka Funkcia Ĉambro. La Lingva Festivala Asocio aranĝis la eventon.




Roger Springer kaj John Casey celis fordoni Esperanto-propagandaĵojn al la atendantoj de tiu multlingva festivalo. Roger preparis kaj organizis la Manlian kluban propagandan materialon. (broŝurojn, la Esperanto-Ŝlosilojn kaj novajn du Flankajn nomkartojn de la Manlia Klubo.)

Ni staris antaŭ la enira pordo kaj atendis, kaj atendis gastojn. Estis varmega tago ĉirkaŭ 40 gradoj. Bedaŭrinde nur la aranĝantoj, la prelegantoj kaj anoj de iliaj familioj venis. *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# AEA informas.

## Aŭstralia Esperanto-Asocio C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2017-02-09 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon ĉeestis:

Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor; Eko kaj Ilia el Indonezio

### (1) DUA TRI-LANDA KONGRESO EN BEKASI (28/3 – 2/4/2018)

Ni daŭrigas la preparadon por la dua trilanda kongreso en Marto 2018 en Bekasi.

La proponita ejo **Aston Imperial Bekasi Hotel & Conference Center**, estas iomete multekosta,…. La LKK esploras aliajn eblecojn.

Ni intencas havi la flugfolion preta por la UK en Seulo,…kun la aliĝiloj, prezoj, specialaj gastoj ktp.

Sandor skribis invitleteron al Mark Fettes, sed li ankoraŭ ne revivis respondon.

Joanne esploris kelkajn eblajn artistojn.

### (2) NIA VENONTA SOMERKURSARO/KONGRESO JANUARO 2019

Ni daŭrigis diskuti pri la loko da nia somerkursaro/kongreso en Januaro 2019:

Novzelando? Adelajdo? Bradley esploros….. Joanne preferas eventon ene de Aŭstralio

### (3) VINTRAJ KURSAROJ

Ni daŭrigis esplori la ideon starigi kelkajn vintrajn kursarojn dum la longa semajnfino de la naskiĝtago de la reĝino (10/11-an de Junio 2017) Se okazos kelkaj eventoj tra Aŭstralio, ni povos uzi Skajpon por organizi komunan programon.

Eble eĉ en Novzelando?

Venonta kunveno: 23/02/2017 je la 16:30 (Melburna tempo)

*Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# F a m i l i a j M e m o r o j .



Dum mia vivo mi havis plurajn interesajn gesamfamilianojn, kiel ĉiu persono havas. Unu el tiuj estis onklino, kun kiu mi regule diskutis aferojn, precipe en la periodo kiam mi vizitadis la mezlernejon en la tridekaj jaroj de la dudeka jarcento. Ŝi estis inteligenta, aspektis altira, estis helpema, kaj ŝatis ridi. Dum la jaro de mia naskiĝo, do

1917, ŝi edziniĝis al unu el miaj onkloj, kaj poste havis du filojn. Malgraŭ tio la geedzado estis malagrabla. Ŝi asertis, ke la kaŭzo estis, ke ŝi bezonis seksumadon en la vespero, post ol dum la tago prizorgi la filetojn, dum li bezonis seksumadon en la mateno, ĉar vespere li estis tre laca post tuttaga forta laborado. Ajntiale, ili pli kaj pli kverelis kaj apartiĝis post du aŭ tri jaroj. La infanoj sekve prizorgatis de sia avino.

Mia onklino, sen profesio, komencis seksmetie vizitadi riĉajn virojn, dum pluraj dekoj da jaroj. Ŝi do gajnis sufiĉe, kiel privata prostituino, por vivi kaj poste prizorgi la filojn.

Eble pro la manko de patro, la malpli juna el la filoj havis mensajn problemojn, traktatis de psiĥiatro, kaj trovis malfacila ricevi laboron. Sed kiam li iĝis dekokjara li sukcesis enlistiĝi kiel policano ĉe la speciala polico nederlanda kiu staciis ĉe la landlimoj por malhelpi fremdulojn sekrete eniri kaj por malhelpi la sendoganan importon de varoj. Mia kuzo sukcese laboris kaj edziĝis kaj havis nemalmultajn gefilojn, ĉar la edzino estis katolika. Li kaj liaj gepatroj en Amsterdamo apartenis al la senreligia triono de la loĝantaro de tiu urbo, en tiu tempo multe pli ol la aliaj urbegoj, pro la ateistiĝo de la fama pastro Domela Nieuwenhuis.

Mia kuzo do devis, kun sia mastro, bicikle prigardi la arbarojn ĉe la landlimo kun Belgujo en parteto en la sudo de Nederlando. Sed la mastro havis temppasigaĵon de ĉasi kaj mortpafi animalojn, por sia plezuro, dum kaj post sia laboro. Tamen, bedaŭrinde por li, loĝis trans la limo profesia ĉasŝtelisto, kiu sperte kaptis la animalojn antaŭ ol la policestro kapablis. Do la simpla solvo estis, mortigi la ŝteliston. Ĉi lasta loĝis kun sia familio en Belgujo, kaj la mastro de mia kuzo kompreneble en Nederlando. Do li ordonis al mia kuzo pafile mortigi la ĉasŝteliston, apenaŭ en Nederlando aŭ apenaŭ en Belgujo. kaj mia kuzo kompreneble faris tion, kiam la ŝtelisto ĉasis. Ne ekzistis fizika landbarilo.

Nu, mia kuzo partoprenis en sia kortumjuĝo, kaj sendube ĉar li estis policano, la nederlanda juĝisto deklaris lin senkulpa.

Sed la belga registaro ne kontentis pri tio ĉar la murdito estis belgo. Do ĝi devigis la nederlandan registaron ree juĝi mian kuzon kaj puni lin pro la murdo. Do tio okazis kaj mia kuzo ricevis malliberejan punon de kvin jaroj, pro neintenca sed senzorga mortigo.

Dum tiuj kvin jaroj li vivis kiel princo, ĉar la malliberejaj funkciuloj favoris lin sciante, ke lia mastro devigis lin fari la murdon. Li loĝis dum la semajno en la malliberejo, libere ĉirkaŭirante en ĝi kaj en la urbo, kaj manĝante kun la gardistoj, kiuj lasis lin iri hejmen dum la semajnfinoj. Li praktike havis pagitan ferion. La mastron oni ne akuzis nek juĝis, kaj li kaptis nun pli da ĉasaĵoj. Post la kvin jaroj mia kuzo rericevis sian polican postenon, kvankam juĝita esti krimulo.

Estis mia onklino, kiu rakontis al mi la historieton pri la deviga murdo, ne la kuzo mem, ĉar tiutempe mia parto de la granda familio ne kontaktadis kun la religia parto de la familio, kaj certe ne kun policano. Tio estis la kutimo en tiu tempo, antaŭ okdek jaroj. Do mi ne garantias la verecon de la historieto, sed mi dubegas ĉu mia onklino mensogus al mi.

Ne okazis aliaj murdoj en mia granda familio, kvankam en la unua mondmilito la nederlanda registaro preskaŭ murdis mian patron, ĉar li estis militrifuzisto. Sed tiu murdo ne okazis, ĉar hazarde kaj bonŝance la germana armeo decidis ne eniri en Nederlandon, verŝajne ĉar nia registaro jam plenigis kun marakvo netransireblan strion

de submara lando ĉirkaŭ Holando. Tiel nia patrujo ne bezonis partopreni en tiu milito, kaj pro tiu nepartopreno nia patrujo ne mortigis mian patron, kiu estis en armea malliberulejo dum nur kelkaj monatoj.

*Marcel Leereveld.*

---

# GRAMATIKA EKZERCO 8 .



En la venontaj GramEkz. mi donos plurajn ekzemplojn de la diversaj aldonebloj al la kernvortoj de ĉiu el la kvar gramatikaj partoj de frazo, de propozicio. Je la fino mi donos ankaŭ kelkajn eblajn aldonojn al la unuaj aldonoj. Frazoj en niaj lingvoj ja povas esti tre longaj pro multaj aldonoj, kreante pezan stilon ne facile legeblan. Kiel pentraĵo, bildo en la lingvo kaj en nia menso povas alpreni simplajn kaj malsimplajn formojn, kvankam pro nia menso ĉiam en linia formo, en linia sisekvo.

Ĉiu el la kvar frazpartoj havas kernvorton kun ofte pli da vortoj ĉe tia kerno de frazparto. En la sekvaj ekzemploj ĉiu frazparto havas nur unu vorton, la kernvorton. Tiu kernvorto tre ofte rekoneblas pro la jenaj indikoj: SUBJEKTO: Manko de prepozicio kaj de akuzativo; PREDIKATO: la kernvorto havas unu el la finaĵoj –as, -is, -os, -us, aŭ –u; OBJEKTO: akuzativa –n kaj manko de prepozicio; ADJEKTOJ: adverbo aŭ prepozitivo aŭ akuzativo. *Marcel Leereveld.*

---

# Kopioj de la malnovaj “Aŭstraliaj Esperantistoj”

Mi metis la numerojn de 2016 en apartan paĝon. Vidu:
[http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/](http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/)
[http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo](http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo)
Amike, Jonathan Cooper

Aŭstraliaj Esperantistoj
**2011 ĝis 2017**

---

# Komentoj pri novaĵoj aperintaj en AE



Dankon, Heather, pro viaj "Pensoj Pri la Kongreso". Precipe min trafis la vortoj: "Jennifer kaj Alan (Bishop) reiros al Anglujo en Junio". Jennifer kaj Alan, ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj tion pribedaŭros, kvankam nia perdo estos la brita gajno. Permesu al mi aldoni miajn varmkorajn dezirojn por ĉio la plej bela kaj bona en via cetera vivo. Pli ol plej amike, ĉiam. Vera Payne.

★★★★:-



Katja, ĉu oni povas aĉeti la novan romanon de Trevor, "Amo inter Ruinoj" en Aŭstralio? Antaŭdankojn, kaj gratulojn al la majstro pro tiu plej lasta kreaĵo! *Vera payne.*

★★★★:-



Koran dankon al Katja por averti nin ke Trevor publikigis novan romanon “Amo inter ruinoj” . Kompreneble ankaŭ Monato reklamas pri ĝi. Noteblas ke vendas ĝin la Flandra Esperanto Ligo. Sed ĉu estas pli apuda librovendejo, kiu povos ĝin disvastigi, ekzemple AEA aŭ ĉu la libroservo de AEA daŭre ne funkcias? demandas Franciska Toubale *Franciska Toubale*

★★★★:-



Mi tre malŝatis la foton de mi kiun vi uzis. NE reuzu ĝin! *??ino??*

Respondo:- Oni kune povus sendi ŝatatan vizaĝfoton kaj ĝi estos uzota. Neniu problemo!



*Roger Springer*

# Centa Datreveno



Je la 14.a de Aprilo estos centadatreveno kiam nia amata L.L.Zamenhof adiaŭis al ĉiaj tertagoj.
Ĉu aŭstraliaj Esperanto-societoj kaj grupoj iel memorigos la eventon? Ĉu iu povas proponi ideon
kiel ni solenos la jubileon? Bonvolu komuniki ideojn.
*Peter Danzer* (Sekretario, "BES")



# Sankt-Valentena Tago

## La 14 an de Februaro



Dum la **Sankt-Valentena tago** je la 14-a de Februaro amantoj esprimas amon por siaj amatoj. Tradicie, oni donas malgrandajn kortuŝajn donacojn, kiel amokartoj, ĉokoladoj, kaj floroj. Nuntempe, ĝi ankaŭ estas tago por esprimi amikecan amon al bonamikoj aŭ geparencoj.
Ĝi devenas de la katolika festotago, laŭdire honoranta Sanktan Valentenon. Aliaj fontoj ligas la tagon al Valentenino, frua kristanisma skribinto de la 1-a jarcento.
Ĝi estis tradicia popola festo angla, sed disvastiĝis tramonde, eĉ en Barato, kie ĝi estas furora.
*El Vikipedio*



# 3ZZZ

Matt estas juna, vigla kunlaboranto en la teamo de 3ZZZ.
Pasintan Lundon, t e en la elsendo de la 13a de Februaro 2017 li parolas pri sia vivo sub la titolo " plia tago en paradizo" . Kiel li povis jam atingi la paradizon? Bonvolu aŭskultu la elsendon.
Informas la kunvokanto Franciska toubale





# Reklamu viajn klubkunvenojn en nia novaĵletero

Eĉ malgranda informo konatigos vin kaj vian klubon tra la Esperanta mondo

# Kiu estas via preferata temo?



Saluton karaj legantoj de AE

Estas bonege interamikiĝi kun tiom da homoj de Bona Volo en nia kara Esperanto-movado, kiu per la Internacia Lingvo helpas starigi Pacajn kaj Fratecajn Rilatojn inter la popoloj!

Por ke en la 2017-jaro ni pli bone interagu kun vi, per diskonigado de esperantlingvaj materialoj, kiuj eble interesas al vi, b.v. helpu nin respondante, dum maksimume 3 minutoj, kelkajn simplajn demandojn. Por atingi la enketon b.v. surklaku tie ĉi:

Kiu estas via preferata temo?

Ni anticipe kore dankas vin pro la helpa kunlaboro. Ni dediĉas al vi tiun ĉi eldiraĵon de la direktoro-prezidanto de Legio de Bona Volo (LBV), José de Paiva Netto:

*“La sento pri vera amikeco, konstruita sur ĉiutaga laboro, estas signifoplena faktoro por plifortigo de interrilatoj, por superado de ĉagrenoj, ne nur en familia etoso, sed ankaŭ en kolektiva”.*

Maria Aparecida da Silva
www.bonavolo.com
www.paivanetto.com/eo